1a jaro. 5a numero.




# BELGA ESPERANTISTO

## Monata Revuo

REDAKTATA DE

Léon CHAMPY, Fr. SCHOOFS,
Jer. VAN LAERE,
VAN DER BIEST-ANDELHOF,
kaj Oscar VAN SCHOOR

kun la kunlaborado de multaj aliaj belgaj kaj eksterlandaj esperantistoj.

MARTO 1909

*ENHAVO :*



*UNU NUMERO : Fr. 0.40 = 16 sd.*

ANTVERPENO
(Antwerpen — Anvers)
Eldonanto : FR. SCHOOFS, 49, Kleine Beerstraat (Rue de la Pte Ourse).

# Belga Ligo Esperantista

## ĈIUJARA KOTIZAĴO:

(JAARLIJKSCHE BIJDRAGE — COTISATION ANNUELLE):

Ordinaraj membroj (Gewone leden. — Membres ordinaires . . . . . . . . . . Fr. 1.00

Protektantaj membroj (Beschermende leden. — Membres protecteurs) . . . . . . Fr, 10.00

Bonfarantaj membroj (Leden-weldoeners. — Membres bienfaiteurs) . - , . . . . Fr. 25.00

## Honora Komitato:

S^ro^j F. COCQ, Skabeno de la Publika Instruado, Ixelles.

D^ro^ V. DESGUIN, Skabeno de la Publika Instruado, Antverpeno.

DUBOIS, Direktoro de la Supera Komerca Lernejo, Antverpeno.

D^ro^ GASTER, Direktoro de la Germana Lernejo, Antverpeno.

Senatano HOUZEAU DE LEHAIE. Mons.

Frato IZIDORO, profesoro ĉe la Reĝa Instituto de Surdmutuloj kaj de Blinduloj, Woluwe-Bruselo.

Senatano LAFONTAINE, Bruselo.

Generalo LEMAN, Komandanto de la Militista Lernejo, Bruselo.

MOURLON, Direktoro de la Geologia Oficejo, Bruselo.

O. ORBAN, profesoro ĉe la Universitato, Lieĝo.

ERNEST SOLVAY, senatano, Bruselo.

# AGADA KOMITATO :

Prezidanto : S[ro] Van der Biest-Andelhof, 26, Arendstraat (Rue de l'Aigle), Antwerpen (Anvers).
Vice-Prezidantoj : S[ro] A.-J. Witteryck kaj S[ro] Abato Richardson.
Generala Sekretario : S[ro] L. Champy, 21, Lange Herenthalsstraat (Longue Rue d'Herenthals), Antwerpen-Anvers.
Kasisto : S[ro] Osc. Van Schoor, 20, Vondelstr., (Rue Vondel) id.

## Membroj elektitaj de la Ĝenerala Kunveno :

S[roj] L. Champy, (Antverpeno), Komandanto Duverdyn (Bruĝo), Abato Richardson (Bruselo), Fr. Swagers, D[ro] R. Van Melckebeke kaj Osc. Van Schoor (Antverpeno).

## Delegitoj de la Grupoj :

ANTVERPENO (1) (*Antverpena Grupo Esperantista*), S[roj] Ad. Finet, Van der Biest-Andelhof.
» (*La Verda Stelo*), S[roj] J. B. Istace, Fr. Schoofs.
BERCHEM (*Berchema Grupo Esperantista*), S[roj] Ad. Goossens, Ant. Havermans.
BEYNE-HEUZAY (*Antaŭen*), S[roj] Jules Albert, D[ro] Dupont.
BOOM (*Boma Grupo Esperantista*), S[ro] Jules Clerbaut.
BRUĜO (2) (*Bruĝa Grupo Esperantista*), F[ino] B. Ledène, S[ro] A. J. Witteryck.
BRUSELO (3) (*Pioniro*), F[ino] A. Guillaume, S[ro] Oct. Chalon.
HUY (*Esperantista Grupo*), S[ro] H. Thiry.
KARLOREĜO (4) *Karloreĝa Grupo Esperantista*), S[ro] L. Delvaux.
MARIABURG (*Verda Flago*) S[ro] Fr. Willemsen.
MORESNET-BELGA (*La Fidelaj Amikoj de Zamenhof*), S[ro] P. J. Schmetz.
MORESNET-NEŬTRA (*Amikejo*), S[ro] Karl Schriewer.
NAMUR (*Namura Stelo*), S[ro] A. Verbeken.
NIVELLES (*Grupo Esperantista*), . . . .
S[ta] TRUDO (5) (*Excelsior*), S[ro] Fr. Leenen.
» (*Stelo Matena*), S[ro] Pol Stappers.
VERVIERS (*Esperantista Grupo*), S[ro] Jos. Parotte.

---

(1) Antwerpen, Anvers. — (2) Brugge, Bruges. — (2) Brussel, Bruxelles. — (4) Charleroi. — (5) St Truiden, St Trond.

# ESPERANTA GAZETARO

## I. — SPECIALAJ GAZETOJ :

**Oficiala Gazeto Esperantista.** — 5 fr. — *51, rue de Clichy, Paris.*
**La Esperanta Kolektanto.**— 2 fr.— *Weltwarte*, Leipzig St, (Germanujo).
**Esperanta Ligilo**, en reliefpunktoj, por blinduloj. — 3 fr. — Th. Cart, *12, rue Soufflot, Paris.*
**Espero Pacifista.** — 5 fr. kun laŭvola aligo al la Esperantista Societo de Paco. — Gaston Moch, *26, rue de Chartres, Neully-sur-Seine* (Francujo).
**Internacia Pedagogia Revuo.**— 2 fr. 75.— en *Bystrice-Hostyn* (Aŭstrio, Moravio).
**Internacia Scienca Revuo.** — 7 fr. — Internacia Scienca Oficejo, *8, rue Bovy-Lysberg, Genève* (Svisujo).
**Tra la Filatelio**, internacia monata organo de ĉiuj kolektistoj de poŝtkartoj kaj poŝtmarkoj. — (2 fr.) 2 fr. 50 — Fize, *au Patissou, Béziers* (Francujo).
**Voĉo de Kuracistoj.** — 2 fr. 50. — Dro Stephan Mikolajski, 6, strato Sniadeckic, *Lwow* (Austrio).
**Export-Esperantist.**— (Esp.-Angle) 5 fr. — *404, Security Bdlg, Chicago*, Ill. U. S. A.

## II. — ĜENERALAJ KAJ BELETRISTIKAJ GAZETOJ :

**Eĥo Esperantista.** — 2 fr. 50. — J.-H. Schorer, *Wilhelmstrasse, 29, Berlin.*
**Esperanta Internacia Revuo**, industria, komerca, eksporta, filatelia reklama kaj literatura. — 5 fr. 15. — *Ulloi-ul, 59, Budapest.*
**Esperanto**, dusemajna. —(4 fr.) 5 fr. — Librairie de l'Esperanto, *15. rue Montmartre, Paris.*
**Espero** (Ruse), internacia revuo de la kultura unuigo de popoloj, organo de la Societo *Espero.* — 10 fr. — *Vjestnik Znania, 147, Nevsky pr., Peterburgo.*
**Juna Esperantisto**, Por junuloj, instruistoj kaj lernantoj. — 2 fr. 50. — Presa Esperantista Societo, *33, rue Lacépède, Paris.*
**La Bela Mondo**, ilustrata.— (Mk 6) fr, 7,50.— F. Emil Boden, *12, Bismarckplatz, Dresden.*
**Lingvo Internacia.** — 2 fr. 50. — Presa Esperantista Societo, *33, rue Lacépède, Paris.*
**La Revuo**, literatura, kun konstanta kunlaborado de Dro Zamenhof.— 7 fr.— Hachette, 79, *rue Saint-Germain, Paris.*
**La Spritulo**, gazeto por ŝerco, humoro kaj satiro, — 3 fr.— Richard Bresch, Körnerstr., 31, *Leipzig* (Germanujo).

## III. — NACIAJ PROPAGANDAJ GAZETOJ :

*Alĝerio* — **Afrika Esperantista** (France).— Senpaga por la membroj de la grupo de Alger.— *4, rue du Marché, Alger.*
*Aŭstralio.* — **The Australian Esperantist.** — 0 fr. 30 por ĉiu numero.— R. Dossor, *Bridgestreet, Benalla* (Viktorio).
*Aŭstrio.*—**Informaj Raportoj** (Germane).— 2 fr. 50.— K. F. Ahlgrimm, *Bandgasse, 31, Wien* VII/1. (Vidu ankaŭ : *Bohemujo).*
*Azia Turkujo.* — **Greklingva Esperantisto**, (Greke-Esp.) — (Piastr. 11.35) 3 fr. — *Samosa Esperantista Societo*, Samos (Azia Turkujo.
*Belgujo.* — **Belga Esperantisto** (Esp., Flandre kaj France) — (4 fr.), 5.00). — Osc. Van Schoor, *20 Vondelstraat, Antwerpen.*
*Bohemujo.* — **Časopis Českych Esperantistu** (Boheme). — (3 Kr.). 3 fr, 75. — *Praha II.*
*Bohemujo.* — **Bohema Esperantisto** (Esp., kaj Boheme). — 4 fr., 25. — Red., *Praha III*, 495 (J. Iglauer), Adm., en *Jevičko* (Aŭstrio, Moravio).
*Brazilo.* — **Brazila Esperantisto** (Portugale). — 6 fr, — *Largo de S. Francisco da Paula*, 4, Sob., *Rio de Janeiro.*
*Britujo.* — **The British Esperantist** (Angle). — (3 ŝil.). 4 fr. — *Museum Station Buildings*, 133-136, *High Holborn Londen. W. C.*
*Britujo.* — **La Esperanta Instruisto** (Angle). — (1ŝ. 6 p.). 2 fr. 50, — *Stead's Publishing House*, 39 *Whitefriars street Londen, E. C,*
*Britujo.* — **La Londona Gazeto** (Angle). — C. A. Fairman. 70. *Romola-road, Herne Hill*, London S. E.
*Bulgarujo.* — **Lumo** (Bulgare). — (3 fr. 50) 5 fr. — *Tirnova.*
*Ĉilo.* — **Ĉilo Esperantista** (Hispane) — 2 fr. — *Casilla* 1989. *Santiago.*
*Ĉilo.* — **La Du Steloj** (Hispane). — 5 fr. — 1437, *calle de la Catedral, Santiago.*
*Ĉilo.* — **Esperantaj Skribajoj** (Hispane). — 1 fr. — *Casilla* 1284, *Santiago.*

1ª JARO. MARTO 1909. 5ª NUMERO.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO,

redaktata de Léon Champy, Fr. Schoofs, Van der Biest-Andelhof, Jer. Van Laere kaj Oscar Van Schoor.

ABONPREZO :

| | |
|---|---|
| Belglando . . . | Fr. 4.— (Sm. 1.60) |
| Eksterlando . . | Fr. 5.— (Sm. 2.—) |
| Unu numero . . | Fr. 0.40 (Sm. 0.16) |

Sekretariejo : 49, Kleine Beerstraat, (rue de la Petite Ourse), Antwerpen-Anvers.

Abonoj kaj Monsendoj : 20, Vondelstraat (rue Vondel), id.

Ĵurnaloj, broŝuroj, libroj : 26, Arendstraat (rue de l'Aigle), id.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

# FLORAJ LUDOJ

La literaturaj festoj, konataj sub la nomo «Floraj Ludoj», rememoras tiujn de la flandraj retorikistoj kaj la «Landjuveloj» el la pasintaj jarcentoj.

La «Floraj Ludoj», kiujn oni jam retrovas dum la unua kvarono de la XIVª jarcento, okazis komence en Tuluzo (Toulouse), kie aro da eminentaj burĝoj penadis por revivigi la poeziarton de la «Trubaduroj». En la jaro 1323 « Sep trobadores de Tolosa» invitis, per versfarita letero, ĉiujn amikojn de la gaja scienco (gay saber), por partopreni en la literatura konkurso, okazonta en Tuluzo, la 1ªⁿ de Majo 1324. La venkonta estus proklamata kiel Doktoro de la Gaja Scienco, kaj akirus premie oran violon. Du jarojn poste, la societo organiziĝis kiel « consistori de la gaya saber» ; en 1355 ĝi aljuĝis kiel premion oran kalendolon, por la plej bela paŝtista kanto (pastourelle) kaj oran sovaĝan rozon por la plej bela danckanto. Kiel kuraĝigaĵo ĝi plie aljuĝis tri arĝentajn diantojn. La venkinto akiris la titolon « maestre de la gaya saber».

Je l'fino de la XVª jarcento, sekve de la sieĝo de Tuluzo, la palaco kaj la ĝardeno de la «gaya saber» estis distruitaj kaj la «consistori» estis proksima je sia pereo. Gi tamen renaskiĝis, dank' al la malavareco de riĉa eminenta Tuluza burĝino, Clémence Isaure, kiu donacis ĝin per grandvaloroj premiaj floroj kaj garantiis al ĝi testamente riĉajn ĉiujarajn rentojn. La festoj de nun alprenis la nomon «Jeux Floraux».

Dum la jaro 1695, la franca reĝo Ludoviko XIV difinis ĝiajn enspezojn je 1400 livres, 1000 por la premiaj floroj kaj 400 por la organizado de festoj. Je tiu jaro la unua premio konsistis en ora amaranto por la plej bela odo ; la aliaj premioj estis arĝenta violo, rozo kaj kalendolo. En 1745 estis decidata ke, tiu, kiu estis akirinta tri sekvantajn fojojn la oran rozon, akirus la titolon «maître ès jeux floraux».

Nuntempa fazo de la «Floraj Ludoj» estas la ĉiujaraj festoj organizitaj en la sudfrancaj urboj de la «Felibroj» aŭ provencalaj literaturistoj. Tie la venkantoj ankaŭ ricevas florojn ; oni tamen aljuĝas aliajn premiojn.

La devenon de la « Floraj Ludoj » en Aragonujo kaj Katalonujo oni same retrovas dum la XIVa jarcento. En Barcelono tiuj festoj okazas ankoraŭ ĉiujare.

Estis do feliĉa ideo kunigi dum la nuna jaro la literaturan konkurson, kiun la «Revuo» organizas ĉiujare inter siaj legantoj, kun la «Floraj Ludoj» ekzistantaj en la poeziema kongresurbo. La organiza komitato de la Kongreso interkonsentis kun niaj amikoj el Barcelono kaj Vilasar'o, por miksi la du kutimojn, la novan kaj la malnovan, kaj krei la «Internaciajn Florajn Ludojn».

AMATUS.

# SCIIGOJ PRI LA "FLORAJ LUDOJ"

## ORGANIZA KOMITATO

La organiza komitato estas definitive starigita jene :

*Honora prezidanto* : Dro LUDOVIKO LAZARO ZAMENHOF ;

*Prezidantoj* : Soj GERONI VILA ROCA kaj CARLO BOURLET ;

*Sekretario* : Sro F. PUJOL ;

*Komitatanoj* : Fino MARIA MAS, Dro RENÉ ARTIGUES, Barono FÉLICIEN DE MÉNIL.

## KONDIĈOJ

Ĉiuj manuskriptoj konkursantaj por la premioj, devas esti senditaj **antaŭ la 1a de Junio 1909**, lasta templimo, al la redakcio de **La Revuo**, 79, Boulevard St-Germain, Parizo.

La manuskriptoj devas esti **anonimaj**.

Ĉiu manuskripto devas surhavi nur *devizon* kaj esti akompanata de fermita koverto, eksterhavanta la kopion de la devizo kaj internhavanta la nomon kaj adreson de la aŭtoro.

Ĉiuj temoj devas esti traktitaj en originala formo. *Nenia traduko estos akceptata.*

## TEMOJ KAJ PREMIOJ

1e **Ordinaraj temoj,** kiuj ĉiujare restos la samaj :

ESPERANTISTA SOĈIETO EN VILASSAR-DE-MAR. — Poezio pri Amo. — *Bukedo el naturaj floroj.* (1)

(1) La gajninto de tiu ĉi premio ĝin donacos al de li elektita Sinjorino, kiu ricevos la titolon de *Reĝino de la Festo*, kaj kiu disdonos la aliajn premiojn al la gajnintoj.

La Revuo. — Poezio pri homaro. — *Arĝent-orita floro.*

Kongresa Komitato. — Poezio pri Fido. — *Arĝenta violo.*

2ᵉ *Temoj proponitaj de kongreslandanoj.*

Lia Moŝto Sro Johano de La Cierva, hispana ministro de Enlandaj Aferoj. — Raporto pri memorinda paĝo de l' historio. — *Kolekto da esperantaj verkoj.*

Lia Moŝto La Barono de Bonnet, Rektoro de la Barcelona Universitato. — Ĉu estas necesa la lernado kaj propagando de internacia lingvo? — *100 Frankoj* (Sm. 40).

La Biblioteko « Joventut ». — Noveleto pri naciaj kutimoj. — *100 Pezetoj.*

Lia Deputata Moŝto Sro T. Rius y Torres. — Aro da popolaj rakontoj, — *50 Pezetoj.*

Espero Kataluna. — Al la plej bone verkita aro da dekdu rakontetoj, longaj je duona ĝis tuta ordinare presita paĝo, gradigitaj por praktika legado ĉe esperantaj kursoj. — *50 Frankoj.*

Centre Autonomista de Dependents del Comerç i de la Industria. — Tezo pri la societa devizo « Edukado, Mutualismo, Naciismo ». — *50 Pezetoj.*

Vika Esperantistaro. — Originala fablo. — *50 Pezetoj.*

Sro Johano Rosals, ĝenerala esperanta konsulo en Barcelono. — Tri broŝuretoj por propagandi Esperanton : unua por la laboristaro, dua por la mezklasa popolo, tria por la kleruloj. — *25 Frankoj.*

Esperanta Semo, *Esperantista Societo de Sabadell'o.* — Prozaĵo, kiu elpruvos la emon de esperanta lingvo konservi kaj plifirmigi la naturajn lingvojn. — *Exlibris de la societo bronze farita.*

Bonanova Stelo, *Esperantista grupo el Bonanova.* — La maro. — *Arta objekto.*

Paco kaj Amo, *Esperanta grupo el Gracio.* — Esperanto kiel simbolo de Paco kaj Amo. — « *La Faraono* » *lukse bindita.*

Tutmonda Espero. — Rakonto por la infanoj. — *Ĉiama abono al tiu ci revuo.*

La Suno Hispana. — Versaro pri la patrina amo. — *Arta objekto.*

Sro Ramon Tobella, de la esperanta presejo « Tobella & Costa » — Esperanto, bona ilo internacia por propagandi la literaturajn ĉefverkojn. — *Arta objekto.*

La Societat d'Atracció de Forasters.— Barcelono, taŭga vintra restejo. — *Arta objekto.*

« Nu ! ! », *Kataluna Grupo en Parizo.* — Bonhumora rakonto. — *Aro da katalunaj objektoj.*

Societo Esperantista de Igualada. — Gloro al Kolumbo ! eltrovinto de la nova mondo. — *Arta objekto.*

La Vilasara Urbestraro. — Temo lasita al elekto de la konkursanto, prozaĵo. — *Arta pokalo.*

Hispana Societo por la propagando de Esperanto. — Originala monologo prezentebla. — *25 Frankoj.*

Lia moŝto Dro Johano B. Benlloch, Episkopo de Urgell. — Religia temo. — *Arta objekto.*

La Grupo Esperantista « Barcelono ». — Resuma historio de disvastigado de Esperanto. — *Arta objekto.*

So Alfonso Sabadell, prezidanto de la Grupo Esperantista « Barcelono ». — Taŭgeco de la esperantistaj kongresoj por la disvastigado de la interna ideo de Esperanto. — *Arĝenta poŝmonujo.*

3ᵒ Temoj proponitaj de alilandanoj.

La Revuo. — Respondo al « La Malhelpisto de l' Hezito », — *200 frankoj. (Sm. 80)* (Vidu paĝon 231 de tiu ĵurnalo.)

Do L. L. Zamenhof. — Regno de homoj. — *Plena kolekto de la verkoj de l' Majstro, riĉe binditaj kaj kun manuskripta dediĉo.*

PRESA ESPERANTISTA SOCIETO. — Fideleco. — *Belega portreto de Dº Zamenhof, valoro Fr. 37,75 (15 Sm.)*

LINGVO INTERNACIA. — Ni fosu nian sulkon ! — *Libroj el la kolekte de L. I. (aŭ de la Presa Esp. Societo), laŭ elekto de la premiita kandidato, valoro Fr. 25 (10 Sm.)*

JUNA ESPERANTISTO. — Juneco. *Libroj el la katalogo de la Presa Esp. Societo, laŭ elekto de la premiita kandidato, valoro Fr. 12,50 (5 Sm.)*

BELGA ESPERANTISTO. — Loka-regiona legendo (laŭ libera temo), prozajo da 4-5 paĝoj — *Branĉo de rozujo el fero forĝita, longa je 45 cm. Belega artajo, specialajo de la urbo Antverpeno.*

GERMANA ESPERANTISTO. — Internacia frateco per Esperanto. — *Plena kolekto de la verkoj de la firmo Möller und Borel, riĉe binditaj.*

POLA ESPERANTISTO. — La plej bona monologo, preferinde el la vivo esperantista. — *1º Bele binditaj jarkolekto de « Pola Esperantisto » por la jaro 1908 kaj ĉiuj literaturaj eldonoj de « P. E. » kiuj aperos antaŭ la Barcelona Kongreso. — 2º Jarkolekto de « P. E. » por la jaro 1908 kaj ĉiuj literaturaj eldonoj de « P. E. », en simplaj kovriloj. — 3º Jarkolekto de « P. E. », por la jaro 1908, bele bindita.*

FRANCA ESPERANTISTO. — La plej bona originala rakonto, ne pli longa ol du paĝoj aŭ kvar kolonoj kiel la felietono de Franca Esperantisto. — *25 frankoj (Sm. 10.)*

THE BRITISH ESPERANTIST. — La historio de Esperanto, verkota en de 3000 ĝis 10000 vortoj. — *40 Sm.*

TRA LA FILATELIO. — Poezio pri Filatelio. — *20 frankoj da poŝtmarko laŭ katalogo.*

—

La « REVUO » sin okupas pri kolektado de aliaj tiaj premioj, kiujn « Belga Esperantisto » eventuele publikigos en proksima numero.

---

# La Blinduloj en Belgujo

(*Ĉerpita el la Pariza Revuo : le Valentin Haüi, juillet 1907*)

— o —

## I. LEĜARO

La *Prikomunuma leĝo* de l'30ª de Marto 1836ª devigis la *Komunumkasojn* pagi la prizorgad-kaj instrukostojn de la blindaj infanoj : nur pro monmanko la Stato kaj la Provinco helpis per monaldono.

Tiun leĝon, bonegan por la epoko, ni ŝuldis al blinda belga parlementano, Aleksandro Rodenbach, unu el la unuaj kaj plejbrilaj lernintoj de Valentin Haüi.

La *Leĝo pri helpadloko* de la 14ª de Marto 1876ª kreis, en ĉiu provinco, *interkomunuman kason*, destinatan por pagi la 3/4 el la prizorgadkostoj ; la ceteran 1/4 devas pagi la Komunumo, kiu por tio ricevis monaldonon de la Ŝtato kaj de la Provinco. Tiu leĝo alportis gravan helpon al la disvastigo de la blinduledukado ; tamen ĝi havis ankoraŭ difektojn. Malpli ol la unua, ĝi postulis de la Komunumoj monoferojn, kaj iuj

komunumoj malriĉaj tre malfacile konsentis sendi al la institutoj siajn blindulojn. Aliflanke kelkaj komunumoj sin kredis rajtigitaj de la leĝo mem elekti la instituton, ofte kontraŭ la volo de la gepatroj.

Por forigi tiujn difektojn, la Ministro Jules Lejeune ellaboris kaj igis la Parlamenton aprobi la leĝon de l' 27[a] de Novembro 1891, pri la Publika Bonfarado. Tiu leĝo, pri kiu la ĉiulandaj blindulamikoj envias nin, tute senŝarĝigas la Komunumon pri la superdiritaj kostoj, kaj pri ili ŝarĝas la Interkomunuman Kason po unu duono, la Provincon po unu okono, kaj la Ŝtaton po tri okonoj. La Komunumo oficiale permesas sendi la blindajn infanojn en specialan instituton, kiun ĝi elektas, interkonsente kun la gepatroj. Se okazas malkonsento pri tiu elekto, la intereshavantaj partioj povas sin turni al la Reĝo.

En nia lando la instruado estas libera, ne deviga ; sed la leĝistaro, defendinte la edukadon de l' blinduloj kontraŭ monmanko de la Komunumo, kaj kontraŭ ĉikanoj ofte maljustaj de malnobla politiko, forigis la malhelpojn, kiujn renkontis la blindulinstruado. Jen estas la rezultato :

La statistiko pri la institutloĝantaro montras ke en 1890 232 *geblinduloj* ricevis instruon : en 1906 *pli ol 500*. En Francujo kaj Germanujo, du landoj, kie la instruo estas deviga kaj kies popolenhavo estas ses kaj okobla kompare je la belga, havas nur en siaj institutoj respektive 900 kaj 1300 lernantojn.

Tiu komparo evidente montras, ke la libera agado, kuraĝigata de la Landestraro, estas pli profitdona, pli potenca ol la oftĉikana devigo. La unuan oni fervore akceptas kiel bonfaron : kontraŭ la dua oni emas sin defendi, kaj ofte oni sukcesas sin liberigi de ĝi per pretekstoj nur verŝajnaj.

## II. INSTITUTOJ — SOCIETOJ

Belgujo havas ok institutojn por blindaj infanoj :

| | |
|---|---|
| 1[e] La Reĝa Blindulinstituto de Woluwe-Bruselo | 150 lernantoj. |
| 2[e] La Reĝa Blindulininstituto de Bruselo | 100 lernantinoj. |
| 3[e] La Blindulinstituto de Berchem (Brabanto) | 20 lernantoj. |
| 4[e] La Geblindulinstituto de Bruĝo | 80 gelernantoj. |
| 5[e] La Blindulinstituto de Maaseik | 10 lernantoj. |
| 6[e] La Blindulininstituto de Maaseik | 12 lernantinoj. |
| 7[e] La Geblindulinstituto de Lieĝo | 40 gelernantoj. |
| 8[e] La Geblindulinstituto de Ghlin | 120 gelernantoj. |

kaj la teĥnika lernejo por plenkreskaj blinduloj en Antverpeno. 25 lern.

Ekzistas por blindaj maljunuloj rifuĝejoj en Bruselo, Gento kaj Monso.

Ne ekzistas aziloj por blinduloj nekapablaj, nek lernejoj por nenormalaj infanoj, sed oni faris por ĉi tiuj specialan sekcion en la hospitaloj de Neufville (Henegaŭo) kaj de Lovendegem apud Gento.

Ne ankaŭ ekzistas vartejoj por trojunaj blinduloj : sed kompense, ĉiu instituto aranĝis en si mem vartosekcion, en kiu ili akceptas infanojn kvin-eĉ kvarjarajn.

Multaj societoj stariĝis por plibonigi la sorton de la Blinduloj ; ili estas trispecaj :

## I. Blindulsocietoj :

1e La Federacio de l'Belgaj Blinduloj, interhelpsocieto, kiun fondis en 1886a kvardeko da lernintoj de la Woluwa Blindulinstituto, kaj kiu akceptas kiel membrojn ĉiujn blindulojn kapablajn pri pangajno.

2e, 3e, 4e. Tri lokaj societoj en Bruselo, Antverpeno kaj Charleroi.

## II. Patronadsocietoj :

1e La Patronadsocieto por la lernintoj de la Reĝa Woluwa Blindulejo,

2e Tiu por la lernintoj de la Ghlina Blindulejo,

3e La Protekta Societo por la Antverpenaj Blinduloj.

## III. Prizorgadsocietoj por maljunaj blinduloj.

De tiuj ĉi dependas la Aziloj de Bruselo (Reĝa Filantropia Societo) de Gento (Hospice Van Caeneghem), kaj de Monso (Hospice Terrace).

En sekvontaj artikoloj mi plidetale pritraktos la belgan blindulagadon : mi montros, ke la blinduloj, per la speciala instruado, ne nur lernas legi kaj skribi, sed fariĝas sub inteligenta, arta kaj labora vidpunkto, similaj al siaj neblindaj fratoj ; ke vere ili fariĝas membroj utilaj de la homa familio ; ke ili de la homaro ne plu petas neutilan kompaton, ne almozojn, sed ke ili deziras mem gajni sian panon per laboro ĉu mana, ĉu spirita, ĉu arta ; ke ĉiu povas kunhelpi la plenumon de tiu nobla deziro, sin penetrante je la devizo de la Woluwa Patronadsocieto : « Al la Blinduloj donu laboron, ne almozojn ! »

Fr. IZIDORO,
Profesoro ĉe la Reĝa Blindulejo de Woluwe, apud Bruselo.

# UTILECO KAJ EBLECO DE LA ALPRENO DE LINGVO INTERNACIA EN MEDICINO

Tia estas la temo de la doktora tezo kiun S^ro^ P. Corret prezentis, antaŭ kelkaj semajnoj, ĉe la Pariza Fakultato de Medicino. Tiu grava verko estis laŭte aprobata de la juĝantaro kaj ricevis la mencion «tre bone». Ĝi distingiĝas per multaj interesaj punktoj, kaj ni pensas ke detala analizo de ĝia enhavo en tiu ĉi jurnalo ne estos senutila.

La aŭtoro skribinta al multaj ĉiulandaj profesoroj kaj kuracistoj, por demandi al ili «ĉu ili pensas ke estus utila kaj ebla la enkonduko de helpa internacia lingvo en medicinon ?» konigas en sia antaŭparolo iliajn respondojn. La profesoroj Grasset (Montpellier), Lépine kaj Soulier (Lyon), Bergonié (Bordeaux), Bouchard, Achard, André Broca, Fournier, Ch. Richet, Gariel (Paris), ĉiuj eminentuloj, konfesis, unu post la alia, ke la diverseco de la lingvoj estas grava malhelpilo al la pritraktado de la sciencaj temoj, nome medicino, kaj la neceseco de internacia lingvo fariĝas pli urĝa. Ni ne povas citi tie ĉi detale ĉiujn respondojn ; jen estas tamen tiu de Profesoro Richet el Parizo :

1° La ebleco de lingvo internacia ne estas utopio, ĉar eksperimento pruvas absolute ke oni povas paroli du naciajn lingvojn, flandran kaj francan, provencalan kaj francan, svedan kaj finnan, k. t. p.

2° En la studoj medicinaj, multe da tempo estas perdata pro la neceseco lerni la lingvojn fremdajn. Oni dediĉas du jarojn al la germana lingvo, unu jaron al la angla kaj ilin oni nur malbone komprenas. Post ses monatoj oni scias bone paroli kaj skribi esperante.

3° Se la lernadaj programoj enhavus la instruadon de Esperanto, post kelkaj jaroj, tiu lingvo estus alirebla de ĉiuj, kaj tio simpligus la studojn medicinajn.

Post tiu antaŭparolo, D^ro^ Corret, en la unua ĉapitro de sia verko, parolas pri la medicinaj internaciaj kongresoj. Tie ĉi precipe rimarkiĝas la malfacileco de la rilatoj inter scienculoj de la diversaj popoloj pro la multeco kaj nelernebleco de la lingvoj. D^ro^ Lucas-Championnière el Parizo, Prezidanto de la tria kongreso de la Internacia Societo de Ĥirurgio, ĵus okazinta en Bruselo (1908) diris :

«Estas certe ke la multeco de la lingvoj neniigas «parton de la rezultatoj de tiuj internaciaj kunvenoj» kaj li bedaŭras ke Esperanto ne estas oficiala lingvo de la kongresoj. D^roj^ Kabanow el Moskvo, Demosthen el Bucarest kaj aliaj esprimis similajn ideojn.

Sekvas longa listo da kongresoj nemedicinaj kie oni proponis Esperanton, pro la malhelpo kaŭzita de la diverseco de lingvoj. En kongreso de Fizioterapio (1905), D^ro^ Krikortz el Stockholm legis en Esperanto verkon originalan, kiu estas represita plene kun franca traduko, en la tezo pri kiu ni parolas.

En la dua ĉapitro, D[ro] Corret, montrinte ke la nesciado de la fremdaj lingvoj malhelpas la serĉadojn kaj la legadojn de la fremdaj medicinaj ĵurnaloj aŭ verkoj, sciigas ke ĉiutage plimultiĝas la artikoloj publikigitaj en Esperanto, ke jam ekzistas teĥnika revuo «La Voĉo de Kuracistoj», ke plie estas presitaj Anatomia Vortaro, Farmaciologia Vortaro, k. t. p.

Dum la kongreso de Dresdeno estas fondita la Tutmonda Esperanta Kuracista Asocio (T. E. K. A.) kiu jam grupigas pli ol 700 kuracistojn el ĉiuj landoj kaj faciligas la rilatojn inter la tutmondaj kuracistoj, ĉu pri la sciencaj serĉadoj, ĉu pri la internaciaj enketoj, vojaĝoj k. t p. Ni petegas niajn kunfratojn belgajn samideanajn ke ili aliĝu al tiu interesa societo, kies prezidanto estas Prof. D[ro] Dor el Lyon ; la vicprezidantoj estas D[roj] Mybs el Altona kaj Whitaker el Liverpool, la sekretario D[ro] Robin el Varsovio kaj la kasisto D[ro] Fromageot el Beaune (Francujo). Per kotizaĵo de kvin frankoj ili havos la utilojn de la societo kaj ricevos senpage, ĉiumonate, la ĵurnalon «Voĉo de Kuracistoj». (1)

Ree ni parolu pri la tezo de D[ro] Corret. En la tria ĉapitro la aŭtoro parolas pri la Ruĝa Kruco kaj la nelacigebla agado de Leŭtenanto Bayol.

En la kvara li pritraktas la ĝeneralan problemon de lingvo internacia. Li montras ke la alpreno de unu el la nune vivantaj lingvoj ne estas ebla pro la konkurenco pri la superecco kiu ekzistas inter la popoloj ; neniam unu el la diversaj nacioj konsentos pri la elekto de la lingvo de alia nacio. La alpreno de antikva lingvo, ekzemple la latina, ankaŭ ne estas ebla, ĉar ĝi estas malfacila, malsimpla kaj ĝi ne taŭgas por la teĥnikaj vortaroj. D[ro] Corret konkludas : «Inter la projektoj proponitaj, Esperanto estas la sola neŭtrala idiomo kiu trudiĝas por la rolo de helpa lingvo internacia ; ĝi posedas ĉiujn necesajn ecojn kaj taŭgas por ĉiuj praktikaj aplikoj.»

Tia estas ankaŭ nia konkludo. Dum la Dresdena kongreso ni ĉeestis la unuan kunvenon de la kuracistoj-kongresanoj. La ĉeestantoj estis el Anglujo, Francujo, Germanujo, Ruslando, Polujo, Italujo. Estis mirinde konstati ke la diskutado en Esperanto estis tre facila por ĉiuj ; io kio ne ekzistas, bedaŭrinde, ĉe la medicinaj internaciaj kongresoj.

D[ro] BRIQUET.
(Armentières)

---

(1) Petu specimenan numeron de tiu ĵurnalo al la Ĉefredaktoro D[ro] STEFAN MIKOLAJSKI, strato Smadeckich 6. en Lwow (Aŭstrujo).

# Asonanca versaĵo

(el Luis de Góngora)

1561-1627.

Plej bela knabino
El mia vilaĝ',
Hodiaŭ edzino
De nur unu tag',
Vidante marŝantan
Lin al batalad',
Al patrino diras
Larmante sen halt',
*Ho lasu min plori*
*Ĉe bordo de l'mar'*

Ĉar, panjo, vi dotis
Min en frua aĝ'
Per plezur' mallonga
Kaj longa penad',
Kaj vi min fordonis
Al edzo, for jam,
Havanta ŝlosilojn
De mia malkapt',
*Ho lasu min plori*
*Ĉe bordo de l'mar'.*

La dolĉokupado
Pri ama rigard'
Nun, okuloj miaj,
Fariĝu plorad';
Vi, do, ne pli taŭge
Vin okupus, ĉar
Foriris militon
Jen li, mia pac'.
*Ho lasu min plori*
*Ĉe bordo de l'mar'.*

Ne min detenigu,
Nek kulpigu ja,
Pri tio-justeco,
Pri ĉi tio—prav',
Se tre vi min amas,
Ne venu kun bat',
Estas pli malbona
Mort' en sitentad'
*Ho lasu min plori*
*Ĉe bordo de l'mar'.*

Kara panjo, kiu
Povus sen plorad'
Vidi miajn verdajn
Jarojn de junaĝ'
Tute velkiĝantajn,
Kaj sen plendo ajn
Restus, ne havante
Koron por kompat'?
*Ho lasu min plori*
*Ĉe bordo de l'mar'.*

Foriru la noktoj,
Ĉar foriris jam
Kiu maldormigis
Min per la rigard'.
For, noktoj, ne vidu
Solecon en ĉambr',
Dum en lit' malmankas
La duona part'.
*Ho lasu min plori*
*Ĉe bordo de l' mar'.*

El hispana lingvo tradukis
VICENTE INGLADA.
(Valencia).

---

## AVENTURO DE RABELAIS

Devigata eliri el Romo, tre malbone vestita kaj ne posedante eĉ unu moneron, Rabelais elpensis ruzon por iri tre oportune kaj bone vestita al Parizo.

Alveninte en Lyon a hotelo li postulis izolitan ĉambron kaj knabeton sciantan legi kaj skribi ; li faris multajn paketojn

per la cindro kiun li trovis en la kameno. Tuj kiam la bubo estis alportinta inkon kaj paperon, li skribigis al tiu ĉi sur diversaj biletoj la jenajn menciojn : « Veneno por la Reĝo », « Veneno por la Reĝino», «Veneno por lia Duka Moŝto d'Orleans» k. t. p. . . tiujn biletojn li poste fiksis ĉe la paketoj kaj diris al la knabo :

«Amiko mia, ne diru ion al iu ajn pri tio kion mi igis al vi skribi, ĉar vi riskus mian vivon kaj vian».

Oni komprenas ke la skribinto tuj raportis al sia patrino pri tio kion li ĉeestis, kaj la bona virino ne trankviliĝis antaŭ ol ŝi estis denuncinta al la polico la novan gaston alvenintan en ŝian hotelon.

Tuj post la sciiĝo la policestro kuris al la hotelo kun siaj pafarkistoj. Li faris demandaron al Rabelais kiu sufiĉe embarase respondis por ke la policestro opiniis ke lia devo estas kapti la vojaĝanton kaj lian pakaĵon. Bone gvardita, Rabelais estis do kondukata al Parizo. Post sia alveno en tiu urbo, li konigis sin kaj petis paroli al la Reĝo, al kiu li sciigis la ruzon kiun li uzis por veni al Parizo bone nutrita kaj vestita je la kostoj de lia Reĝa Moŝto.

Ŝajnas ke la reĝo, anstataŭ malkontentiĝi, ege ridis pri la aventuro kaj ke la tuta kortegularo tre amuziĝis pri la de la vojaĝinto uzita ruzo.

Oni diras ke el tiu okazintaĵo devenas la esprimo « La kvaronhoro de Rabelais »(«le quart d'heure de Rabelais ») por montri la situacion de iu, kiu, devigata pagi kaj ne havanta monon, penas trovi rimedon por eltiri sin el tiu maloportuna afero.

Frans SCHOOFS.

# ESPERANTO FACILA

*Estimata Sinjoro Skaldo,*

Mi legis viajn artikolojn en «Esperanto facila» ; ili tre amuzis min.

Mi decidis *de* skribi mian unuan Esperantan leteron al vi, kiu ŝajnas *amegi* la novulojn kaj . . . eble ankaŭ la novulinojn. Mi skribos *mem* al vi *ĉiu semajno*, se vi permesos tion, sed mi faros erarojn *nature*, ĉar mi nur *havas* dek-ok jarojn, kaj mi ernas Esperanton de nur du monatoj.

Mi petas vin korekti miajn erarojn. Vi povos fari tion publike en nia revuo : *kiel tio*, mi ne bezonos konigi mian adreson kaj ĉiu novulo povos profiti *de* tio.

Mi dankas vin *antaŭen* kaj salutas vin ĝentile.

JOZINO MAJULINETO.

(Skaldo jam substrekis la erarojn !)

*Kara Fraŭlino Majulineto!*

Dankon pro via ĝentila letero!

Mi ĵus ricevis tiun ĉi, kiam mi estis serĉanta bonan temon por mia kolono pri «Esperanto facila». Vi do helpis min neatendite 1) kaj mi tuj volas plenumi 2) vian deziron.

Via letero estas pruvo 3) ke, se vi ne estas Francino, vi almenaŭ pensas france. En Esperanto, ĉiu vorto havas difinitan sencon. En estonto 4), diru simple, sen la senvalora vorteto *de*: *Mi decidis skribi.*

Mi ŝajnas *amegi* la novulojn! Ho! ho! *amegi* estas la plej alta grado de *ami*. Se vi havas fianĉon, 5) Fraŭlino, vi pravas 6) amegi lin; amegu unu la alian ĝis la morto!

Mi *ŝatas* la novajn esperantistojn, mi *ŝategas* ilian nehaltantan 7) laboron.

...eble ankaŭ la novulinojn. *Amegi* la novulinojn? Atentu, Fraŭlino, mi estas edziĝita 8)!

— Mi skribos *mem*, t. e. (tio estas) mi mem kaj ne alia persono skribos; vi intencis esprimi pli forte la ripeton de la skribo. Tiam oni uzas *eĉ*. Ekz: mia hundo marŝas, kuras, saltas, *eĉ* dancas.

— *Ĉiu semajno.* Tia tempa esprimo estas skribata:

ĉu, kiel vi uzis ĝin, sed kun prepozicio *en* aŭ *je*,

ĉu, sen prepozicio, en akuzativa formo: *ĉiun semajnon*,

ĉu, adverbe: *ĉiusemajne.*

Mi konsilas al vi fari ekzerce similajn 9) esprimojn per: horo, tago, monato, jaro.

— Ni ĉiuj eraras *nature*, Fraŭlino, malofte *artefarite*. 10) En tia senco mi opinias ke *kompreneble* esprimas pli precize vian ideon.

— Kara Jozino, vi ne *havas* dek-ok jarojn! Per tio, mi ne volas diri ke vi estas pli maljuna. Ne, vi havas la junecon, tial ke vi *estas* dek-ok jara. Kaj vi estas ĉiam juna, se en via koro briladas la floro de l'Espero.

— *Kiel tio* ... estas ree iom france pensita. Skribu: *tiel* aŭ *tiamaniere.*

— Sama rimarko pri: *profiti de*. Neniel la Esperanta vorto *de* estas uzebla tie ĉi, ĉar ĝiaj diversaj signifoj estas aliaj. Ni diru: *profiti per.*

— Danki *antaŭen*. Kun tiu verbo oni uzas *antaŭe*, tiel kiel vi skribis: salutas *ĝentile.*

*Antaŭen* rilatas 11) al verboj kiuj esprimas movon.

*Antaŭen*! estas la devizo de ĉiu bona Esperantisto, do ankaŭ la via.

Vi kuraĝis skribi. Nu! malgraŭ kelkaj malgrandaj eraroj, via letero estas neniel malbona. Mi eĉ (vidu supren!) konstatis kun kontenteco ke vi jam bone uzis la akuzativon; kaj mi estas certa ke via letero estas komprenebla de ĉiu fremdlanda samideano. Kaj jen ĵus la unua kaj plej grava kondiĉo

en Esperanto : *interkompreni !* Unu vorteto aŭ litero pli aŭ malpli, ne malhelpos 12) la loĝantojn 13) de nia vasta mondo *interkonatiĝi* 14) kaj fratiĝi.

Daŭrigu vian lernadon, kara Fraŭlino, klopodu pripensi simple kaj ĉiam logike, do Esperante, kaj vi sukcesos iĝi baldaŭ unu el niaj plej lertaj Esperantistinoj.

Kiom dolĉe la Zamenhofa lingvo devas soni el via buŝeto, o Fraŭlino Jozino Majulineto !

ŜKALDO.

---

# *HUMORAĴOJ*

## Patro kiel fianĉo de siaj filinoj

Gaja okazintaĵo rondiris autaŭ nelonge en München. Privatulo estas vidvo kaj havas du filinojn estantajn respektive dudek kaj dudek-du jaraj. Ili tamen ne povis anstataŭi al li edzinon, tial li ekpensis, ,,laŭ la ne plu malordinara vojo", nome per gazeta anonco ricevi novan edzinon. Li tamen tre miris, trovante inter la multaj ricevitaj proponoj ankaŭ la leterojn kaj fotografaĵojn de siaj du filinoj. Ĉi tio ŝajnis sufiĉe amuzi lin, ĉar pseŭdonime li daŭrigis per skribmaŝino la korespondadon, ĝis la ambaŭ enamiĝintaj fraŭlinoj fine postulis vidi sian novan fianĉon. La vidvo ankaŭ ebligis tion al ili, venigante ilin je la sama horo en difinitan lokon kaj kondiĉante blankan dianton kiel rekona signo. Lia ĝojo pri la ŝerco jam komencis, kiam liaj ambaŭ filinoj antaŭe alportigis en sian domon blankajn diantojn, el kiuj li fine petis unu por si, por kun ĝi ekiri al la rendevuo. La mirego de la ambaŭ filinoj estis granda, kiam ili sentis, havi hazarde rendevuon en la sama loko kun la sama rekona signo ; sed ĝi ankoraŭ pligrandiĝis, kiam fine ankoraŭ la paĉjo aperis, kun la sama malbonsigna blanka dianto, kaj li subbrakinte kondukis ilin hejmen.

Trad. Risinger
(Eĥo Esperantista)

—o—

## En la Antverpena Stacidomo

Sinjoro aĉetas ĵurnalon kaj prezentas por ĝin pagi moneron da kvin frankoj.

---

1) neatendite, *onverwachts, à l'inproviste,* — 2] plenumi, *vervullen, remplir,* — 3] pruvo, *bewijs, preuve,* — 4] estonto, *toekomst, avenir* ; — 5] fianĉon, *verloofde, fiancé* — 6] pravi, *gelijk hebben, avoir raison,* — 7] nehaltantan, *onophoudelijk, constant.* — 8] edziĝita, *getrouwd, marié,* — 9] similajn, *gelijksoortige, semblables,* — 10] artefarite, *kunstmatig. artificiellement* — 11] rilatas, *heeft betrekking, se rapporte,* — 12] malhelpi, *verhinderen, empêcher.* — 13] loĝantoj, *bewoners, habitants,* — 14] interkonatiĝi, *met elkander kennis maken, faire connaissance entre eux.*

*La Vendisto.* — Mi ne havas ŝanĝmonon, Sinjoro, vi pagos morgaŭ, pasante.

*La Sinjoro.* — Kaj se mi estus dispremigatavojveturante?

*La Vendisto* (pensante pri siaj kvin centimoj). — Ho, la perdo ne estus tre granda !

—o—

### Sinonimoj

Snobs parolis pri la belecoj de Svisujo : la belaj urboj, la altaj montoj, la bluaj lagoj. Li precipe laŭdis la lagon de Ĝenevo kaj la lagon Leman'an.

— Sed ambaŭ estas sinonimaj, rimarkigis Bobs.

— Tion mi scias tre bone, respondis Snobs, sed unu estas multe pli sinonima ol la alia !

—o—

### Ekzameno

Dum ekzameno en popola lernejo oni demandis knabon :

— Kiel longe Adamo kaj Evo loĝis en la paradizo ?

— Ĝis maturiĝis la pomoj ! — respondis la knabo.

*(Spritulo)*

---

## PROBLEMOJ (tre facilaj)

4e **Vortoj kreskantaj kaj malkreskantaj**. Vokalo — nomo de litero — kolekto — malhelpajo — ligna aŭ fera konstruero — malgrandigo de prezo — kontraŭstarigo — kreskaĵo por la fumamantoj — ekleziulo — frapo = montras la pasivan verban formon — nomo de litero — vokalo.

5e **Vortoj kvadratoj**. Agi — dolĉan senton — radiko de cirklaĵo — kiu meritas.

6e **Metagramo** per *o — o — b — d — k — m — n — s — t — z formu 7 vortojn kvarliterajn, el kiuj nur la unua litero diferencas.*

PLANTANO.

Oni sendu la solvojn al Sro Fr. Schoofs, sekretario de la Redakcio, 49, Kleine Beerstraat, Antwerpen (49, rue de la Pte Ourse, Anvers.)

En la lasta numero de la 1a jarkolekto ni publikigos la nomojn de la solvintoj. Oni povas respondi pseŭdonime.

Belaj premioj estos aljuĝataj.

# BELGA KRONIKO (1)

Ĉar la apero de « Belga Esperantisto » estas plifruigita duonan monaton la nuna kroniko estas malpli ampleksa ol kutime.

**ANTVERPENO**. Centra Komitato. La esperantista ĥorkantistaro sub la lerta direkcio de S^ro^ Ant. Gohr tre bone prosperas. De nun la ĉiusemajnaj ripetadoj okazas ĉiuvendrede je la 8 1/2^a^ vespere, en salono (1^a^ etaĝo) de la « Maison des Brasseurs » (Brouwershuis), 18, rue de la Commune (Gemeentestraat). Speciala enirejo en la strato Breydel.

**BOOM**. La kursoj donataj en la tiea grupo treege sukcesas dank' al la nelacebla sindonemeco de la profesoro S^ro^ Fr. Schoofs. Ĉiuj grupanoj senescepte abonis nian jurnalon.

**BRUSELO**. Merkredon la 3^an^ de Februaro, S^ro^ Paul Blaise, venante el Londono ĉeestis la kunvenon de la grupo « Pioniro ». Li priparolis la mirindajn progresojn de la Zamenhofa lingvo en Anglujo kaj Usono. Lia parolado faris grandan impreson kaj la ĉeestantoj entuziasme aplaŭdis la bonvenintan gaston

**CHARLEROI**. La estraro de la « Karloreĝa Grupo Esperantista » estas kunmetita jene :

Prezidanto : S^ro^ L. Delvaux,
Sekretario : S^ro^ F. Wagner,
Kasisto : S^ro^ P. Hermans,
Dua Sekretario : S^ro^ F. Philippens,
Bibliotekisto : S^ro^ R. Mayer,
Komitattanoj S^roj^ A. Counson kaj F. Strivet.

**LIEĜO**. Nova kurso estas fondita dum la monato de Decembro de S^ro^ Morabito, direktoro de la Instituto Paumen. Afiŝoj per la verda stelo ornamitaj kaj verde presitaj estis anoncintaj la malfermon de la kurso sed bedaŭrinde la terura tertremo en Italujo kontraŭstaris la projekton : la direktoro reiris al sia lando kaj lia entrepreno ne realiĝis.

**MEĤLENO**. Antaŭ nelonge S^ro^ Abato E. H. Lambo, registristo de la Malgranda Seminario parolis pri Esperanto en la Meĥlena sekcio de la Flandramanto societo « Davidsfonds ». La « Gazet van Mechelen » publikigas tre laŭdan artikolon pri la parolado de nia honorinda samideano.

**MORESNET'O NEUTRA** (Amikejo). La Universala Esperantista Asocio kies sidejo estas en Ĝenevo, dediĉas premion al la unua flugmaŝinisto kiu estos trafluginta plenan rondvojiron da 30 kilometroj en tri diverslingvaj landoj t. e. Belgujo, Germanujo kaj Holando, foririnte de Neŭtra-Moresnet'o.

**REMOUCHAMPS**. S^ro^ Raymond Lemailleux fondis dum la monato de Decembro esperantistan societon, enhavantan 15 lernantojn.

**VILVORDO**. La 8^an^ de Februaro nia fervora samideano kaj kunlaboranto S^ro^ Abato Richardson faris tre sukcesintan paroladon pri Esperanto en la Vilvorda-sekcio pri Universitata Disvastiĝo. Inter la aŭdantaro oni rimarkis multajn eminentulojn el la urbo. Post la parolado F^ino^ Vits, librovendistino vendis multajn lernolibrojn pri Esperanto kaj oni decidis fondi grupon kaj kurson. Al niaj novaj Vilvordaj samideanoj ni tutkore deziras sukceson kaj progreson ! OSCAR VAN SCHOOR

---

(1) La grupoj estas petataj sendi siajn informajn plej malfrue antaŭ la 6^a^ de ĉiu monato al la subskribinta raportinto, *20, Strato Vondel, Antverpeno.*

# Het Esperanto in den Vreemde

**SPANJE.** — (V$^e$ congres van Esperanto).

Over het congres van Barcelona vernemen wij nog de volgende bijzonderheden :

De Fransche spoorwegmaatschappijen zullen eene prijsvermindering van 50 °/₀ verleenen. Van aan de grensstatie Port-Boue tot Barcelona kost de reiskaart 15 pesetas in 1$^e$ klas en 7 pesetas in 2$^e$. Ieder congreslid zal eene kaart bekomen die recht geeft tot eenen afslag op al de spoorwegen van het koninkrijk. De kosten van verblijf gedurende het congres zijn fr. 5.—, 7.50 en 12,50 per dag, volgens de gekozen klas. Daar tusschen België en Spanje geen internationale wisseling van postmandaten bestaat raden wij onze lezers aan hunne geldzendingen te richten aan den heer **Carlo Bourlet**, rue Raynouard, 56, te Parijs.

**FRANKRIJK. Parijs.** — Het nieuwsblad *l'Aero*, orgaan der luchtvaarders, deelt eenen leergang van Esperanto mede, opgesteld door den heer Henri de Coppet.

—In de feestzaal van «le Journal» 100, rue de Richelieu, had op 20 Februari een uiterst welgelukt avondfeest plaats, ingericht door de «Librejo de Esperanto», waar gekende tooneelkunstenaars een tooneelstuk in Esperanto hebben opgevoerd.

— De «Montmartra Esperantista Kabareto» geniet een voordurenden bijval.

**Armentières.** — Onlangs had de algemeene vergadering plaats van de esperantische groep van dit lieve stadje. De heer Deligny, van St, Omaars, gaf er een belangrijke voordracht over het Dresdener congres, opgeluisterd met lichtbeelden, opgenomen door onzen vriend en medewerker den heer D$^r$ Briquet. De groep ontvangt van de stedelijke regeering een jaarlijksch hulpgeld van 150 frank.

**Caen.** — De stedelijke regeering verleent het kosteloos gebruik van het stadhuis voor het geven van Esperantische leergangen.

**Rijsel.** — In deze stad worden 36 leergangen gegeven.

# L'Esperanto à l'Etranger.

**ESPAGNE.** — (V$^e$ congrès d'Esperanto).

Voici encore quelques renseignements sur le congrès de Barcelone :

Les compagnies françaises de chemin de fer accorderont un rabais de 50 °/₀. De la gare frontière Port-Boue jusqu'à Barcelone le ticket coûte 15 pesetas en première et 7 pesetas en troisième. Chaque congressiste recevra une carte spéciale donnant droit à une diminution de prix sur tous les chemins de fer du royaume. Les frais de séjour et de nourriture pendant la durée du congrès seront selon la classe choisie de fr. 5.—, 7.50 et 12.50 par jour. Comme il n'existe pas d'échange international de mandats-poste entre la Belgique et l'Espagne nous conseillons à nos amis d'adresser leurs envois d'argent à M. **Carlo Bourlet**, 56, rue Raynouard, à Paris.

**FRANCE. Paris.** — Le journal *l'Aero* organe des aviateurs, publie un cours d'Esperanto rédigé par M. Henri de Coppet.

— Dans le salon du «Jonrnal», 100, rue de Richelieu la «Librejo de Esperanto» a organisé le 20 février dernier une soirée très réussie, où des artistes dramatiques connus ont représenté une comédie en Esperanto.

— Le «Montmartra Esperanta Kabareto» continue à jouir de son succès habituel.

**Armentières.** — Il y a quelque temps eut lieu l'assemblée générale du groupe espérantiste de cette charmante petite ville. M. Deligny, de St Omer, y a donné une intéressante conférence sur le congrès de Dresde, illustrée de projections lumineuses, dues à notre ami et collaborateur M. le Dr Briquet. Le groupe reçoit de la municipalité une subvention annuelle de 150 francs.

**Caen.** — La municipalité accorde l'usage gratuit de l'hôtel de ville pour y donner les cours d'Esperanto.

**Lille.**— Il existe dans cette ville 36 cours d'Espéranto.

**Mayenne.** — Door de pogingen van Luitenant Duplan werd aldaar een esperantische groep ingericht onder het voorzitterschap van den maire, den heer Paul Lintier. De les worden op het stadhuis gegeven.

**Rennes.** — Onlangs werd in onze stad de federatie van het Westen ingericht tusschen de departementen Ille-et-Vilaine. Loire-Inférieure, Finistère, Côtes-du-Nord, Morbihan en Vendée.

De voorzitter is de heer Beck; de secretaris is de heer Dr Camuzet, (beiden te Rennes).

**Toulouse.** — Het gemeentebestuur verleent aan de esperantische groep een jaarlijksch hulpgeld van 300 fr.

**NEDERLAND.** — Op 23n Januari gaf de heer Blok uit Amsterdam een welgelukte propagandales in den Haag. De leergang door den heer Blok in Amsterdam gegeven telt 150 personen. In Schagen (Noord-Holland) bestaat een leergang van Espéranto bij het Landbouw Instituut. In het dagblad « Avondpost » schrijft Mej. N. Boon in Esperanto een wekelijksche bijdrage van 30 tot 40 lijnen.

**DUITSCHLAND. Berlijn.** — Leergangen van Esperanto worden gegeven in het Leibnitzgymnasium S. O., in de Friedrich Werd. Oberrealschule C., in de Realschule W., in Königstädt. Realgymnasium N.O., in Luisenstädt. Gymnasium S. en in de Realschule, NW. Voor dames bestaat een bijzondere leergang in de « Kochschule des Berl. Hausfrauenvereins, C. Breitestr. 6.

**Dresden.** — Twee leergangen werden in deze stad ingericht voor de beambten der Deuts.-Oesterreichische Dampfschiffahrt-Geselschaft.

**Leipzig.** — De « Saksa Esperantista Ligo », die door ongeveer 100 vertegenwoordigers van 45 groepen op 31 Januari gesticht werd, heeft met algemeene stemmen besloten dat hare leden onwrikbaar getrouw zullen blijven aan de Zamenhofsche taal. De hervormingsgezinde beweging is in Saksen zoowals overal in Duitschland totaal mislukt. De laatste der 17 Idistengroepen in Dresden heeft opge-

**Mayenne.** — M. le lieutenant Duplan a réussi à fonder dans cette ville un groupe espérantiste dont M. Paul Lintier, maire de la ville, a accepté la présidence. Les cours ont lieu à la mairie.

**Rennes.**—Dernièrement a été fondée dans cette ville la fédération de l'Ouest entre les départements Ille-et-Vilaine, Loire-Inférieure, Finistère. Côtes-du-Nord, Morbihan et Vendée.

Le président est M. Beck, le secrétaire est M. le Dr. Camuzet, (tous deux à Rennes).

**Toulouse.** — Le conseil municipal accorde au groupe espérantiste une subvention ánnuelle de 300 francs.

**PAYS-BAS.** — Le 23 janvier M. Blok d'Amsterdam a donné à la Haye une leçon de propagande, qui a remporté le plus grand succès. Le cours donné par M. Blok à Amsterdam est suivi de 150 personnes. A Schagen (Hollande Septentrionale) existe un cours d'Esperanto à l'Institut d'Agriculture. Mlle Boon écrit chaque semaine un article en Esperanto de 30-40 lignes dans le journal «Avondpost».

**ALLEMAGNE. Berlin.** — Des cours d'Esperanto sont donnés dans les établissements d'instruction suivants : Leibnitzmuzeum, S. O., Friedrich Werd. Oberrealschule C., Reals schule W., Königstädt. Real-gymnasium S. et Realschule, N. W. Il existe un cours spécial pour dames dans la « Kochschule des Berl. Hausfrauenvereins, C., Breitestr. 6. (Ecole ménagère de la société des ménagères de Berlin).

**Dresde.** — Deux cours ont été ouverts dans cette ville pour les employés de la Deutsch. Oesterreichische Dampfschiff-Gesellschaft (Compagnie de navigation à vapeur Austro-Allemande.)

**Leipzig.** — La « Saksa Esperantista Ligo » qui a été fondée le 31 janvier dernier par 100 représentants de 45 groupes a décidé unanimement que ses membres resteront inébranlablement fidèles à la langue de Zamenhof. Le mouvement réformiste a totalement échoué en Saxe, comme du reste dans toute l'Allemagne. Le dernier des 17 groupes idistes à Dresde a cessé d'exister ; les membres ont renoncé à

houden te bestaan ; de leden hebben den strijd opgegeven of zijn tot de « Dresdena Societo Esperantista » teruggekeerd.

**ENGELAND.** — In Londen en omgeving werd een esperantische maatschappij van spoorwegbedienden gesticht. De handelsvereeniging van touristen van het Vereenigd Koninkrijk neemt twee bladzijden over Esperanto in haar « Roode Boek » op.

Op 6n Februari hield de « Brita Esperantista Asocio » haar eerste banket dat talrijk bijgewoond werd, o. a. door de hh. Kol. Pollen, den heer en mevr. Moscheles en den heer Edmond Privat van Geneve.

De Londensche club heeft een welgelukt feest ingericht waar Mej. Nicholl, als een in 't groen gekleede engel, zinnebeeldig het Esperanto voorstelde. Esperantische feesten werden eveneens ingericht in Backhurst Hill, in de Noorder Polytechnische school, in de groep Suda Stelo, te Stoke Newington, te Bolton, te Sydenham, te Coventry en te Nottingham. Nieuwe leergangen te Bournemouth en te Portsmouth ; nieuwe groepen te Stoke-on Trent en te Wisbech.

Te Edimburg had een welgelukt bal plaats voor esperantisten en niet-esperantisten, waar de hh. Warden en Page een ijverige propaganda maakten en nieuwe aanhangers aanwierven. In Glasgow doet zich de beroepszanger Harrfson opmerken door zijn humoristische esperantische liederen.

**RUMENIË. Bukarest.** In de krijgsschool werd op verlangen van den Bevelhebber een kursus van Esperanto ingericht, die ook door officieren der bezetting wordt gevolgd. In het Blindengesticht wordt onderricht in Esperanto door eenen blinde gegeven.

**Galatz.** Door de zorgen van den oppercommissaris, werd een leergang van Esperanto voor het personeel der policie ingericht.

**GRIEKENLAND.** Dank aan de toewijding van den heer Paul Bonemann wordt het Esperanto officieel bij het Handelsgesticht onderwezen.

**RUSLAND. Mosko.** Een esperantische studentengroep die reeds

la lutte ou sont retournés à la « Dresdena Societo Esperantista ».

**ANGLETERRE.** — Il a été fondé une société espérantiste entre les employés du chemin de fer de Londres et de la banlieue. La société commerciale des touristes du Royaume-Uni insère deux pages sur l'Esperanto dans son « Livre Rouge ».

Le 6 février dernier la « Brita Esperantista Asocio » a eu son premier banquet auquel ont pris part un grand nombre de convives, entre autres M. le Col. Pollen, M. et Mme Moscheles et M. Edmond Privat de Genève. Une fête très réussie a été organisée par le club de Londres, ou Mlle Nicholl, travestie en ange habillé de vert, a représenté emblématiquement l'Esperanto. D'autres fêtes espérantistes ont eu lieu à Backhurst Hill, a l'Institut Polytechnique du Nord, au groupe Suda Stelo, à Stoke Newington, à Bolton, à Sydenham, à Coventry et à Nottingham. Nouveaux cours à Bournemouth et à Portsmouth ; nouveaux groupes à Stoke on-Trent et à Wisbech.

A Edimbourg a eu lieu un bal très réussi pour espérantistes et non-espérantistes, où MM. Warden et Page ont fait une propagande active et ont réussi à gagner de nouveaux adeptes. A Glasgow le chanteur professionnel Harrison se fait remarquer pour ses chansons espérantistes humoristiques.

**ROUMANIE.** A la demande du Commandant de l'Ecole Militaire il a été organisé dans cet établissement un cours d'Esperanto, qui est également suivi par des officiers de la garnison. A l'Institut des Aveugles l'enseignement de l'Esperanto est donné par un aveugle.

**Galatz.** Par les soins du commissaire en chef, un cours d'Esperanto a été fondé pour le personnel de la police.

**GRÉCE.** Grâce au dévouement de M. Paul Bonemann l'Esperanto est enseigné officiellement à l'Ecole de Commerce.

**RUSSIE. Moscou,** Un groupe d'étudiants esperantistes, qui compte

130 leden telt, werd bij de Hoogeschool gesticht.

**SIBERIË. Tomsk.** Eenige jonge esperantisten hebben in deze stad eene groep « Studenta Esperantista Rondeto » ingericht.

**AZIATISCH TURKIJE. Samos.** Twee esperantische leergangen werden onlangs bij de hoogere Handelsschool gesticht.

**JAPAN.** Onze ijverige geestverwant, Dr Kroïta van Tokio, is door de vredelievende Japanneesche maatschappij afgevaardigd bij het a. s. internationaal Vredescongres,dat te Londen zal gehouden worden. Het is de eerste maal dat een Japannees aan een dergelijk congres deelneemt. Dr Kroïta is zinnens enkel Esperanto te spreken. Met den hr Gaston Moch (Frankrijk) zullen er nu twee zijn.

déjà 130 membres a été fondé à l'Université

**SIBERIÉ. Tomsk.** Quelques jeunes espérantistes viennent d'établir dans cette ville le groupe « Studenta Esperantista Rondeto ».

**TURQUIE D'ASIÉ. Samos.** Deux cours d'Esperanto viennent d'être fondés à l'Ecole supérieure de Commerce.

**JAPON.** Notre fervent partisan, Dr Kroïta de Tokio, a été désigné par la société pacifiste japonaise, comme délégué au prochain congrès international de la Paix, qui se tiendra à Londres. C'est le première fois qu'un Japonais prend part à un congrès semblable. Le Dr Kroïta a l'intention de ne parler qu'en Esperanto. Avec M.Gaston Moch [France] cela fera deux !

*Oscar VAN SCHOOR.*

## INFORMOJ

De nun **Belga Esperantisto** regule aperos je la 15ª de ĉiu monato.

— **Esperantista Jarlibro.** Dua Alvoko. En la unua numero de B. E. ni presigis alvokon al ĉiuj belgaj esperantistoj, al ĉiuj esperantistaj grupoj de nia lando kaj ankaŭ al ĉiuj personoj kiuj iel ajn sin interesas pri Esperanto, petante ilin ke ili bonvolu sendi al ni la nomojn kaj adresojn, klare skribitajn, de ĉiuj anoj kaj societoj esperantistaj.

Ni jam ricevis multajn adresojn kaj la adresaro post ne longe aperos, sed ni insiste petas la belgajn samideanojn havigi al ni kiel eble plej baldaŭ ĉiajn sciigojn kiuj interesas la eldonon de la adresaro. Je la 25ª de Marto ni fermos la enskribon kaj ni presigos la verketon.

La grupoj estas insiste petajaj aldoni la plenan kunmetadon de sia komitato, la kunvenajn tagojn kaj horojn, la kunvenejon, kc.

Ĉiajn informojn oni sendu alFarmaciisto Oscar Van Schoor, Vondelstraat, 20, Antwerpen (Anvers).

## BIBLIOGRAFIO

«Belga Esperantisto» nur recenzas la verkojn senditajn al ĝi en du ekzempleroj. (Adreso : Arendstraat, 26, Antwerpen.)

**I. Presa Esperantista Societo,** rue Lacépède, 33, Paris.
TH. CART. *A la recherche d'une langue internationale.*

*Sur la vojo al internacia lingvo.* (12 × 19) 24 pages. Prix fr. 0.25 = 1 sd.

**II. Eldonejo de P. Hübner, Mülheim a/ Rh.**

*Kristana Esperanta Kantareto,* 11 kantoj kun melodionotoj. (11×15) 20 paĝoj.

**III. Vaporpresejo N. H. Luigies,** Plantageweg, 13a, Rotterdam.

*Garcia Moreno,* de Pastro H. M. H. BARTELS, tradukis JOLO.

N^ro^ 1ª de la *Universala Katolika Esperanta Biblioteko.* (10×16) 24 paĝoj. Prezo : fr. 0,15—10 ekz. fr. 1 25—50 ekz. 5 fr.—100 ekz. 8 fr. (afrankite).

**IV. Librairie de l'Esperanto,** 15, rue Montmartre, Paris.

1. *En Svislando, kvin rakontoj el verkoj de svisaj aŭtoroj,* tradukis kaj elektis E. RAMO. (15×22) 104 paĝoj. Prezo : 3 frankoj.

Jen elegante presita kaj per 6 bildoj ornamita libro. La verko estas tre rekomendinda, tiom pro la elekto de la originalaj tekstoj kiom pro la brile sukcesinta traduko ; ĝi montras unu fojon plie la taŭgecon de Esperanto, kiu ebligas esprimi la plej malgrandajn detalojn, la plej delikatajn nuancojn. En «La lasta ekskurso de Maŭrico Clèvoz» la leganto admiras la majestan belecon de la Alpaj pejzaĵoj kaj sin sentas potence premata de la dramateco de la rakonto ; li sekvas plezure la humorajan noveleton «Bona Malliberulo», tre vivplene rakontita ; la emociiga rakonteto «Patrino» ege lin kortuŝas. En «La Venĝonto» li konatiĝas kun la vivo de malfeliĉaj italaj kamparanoj, pelitaj trans la svisan limon pro politikaj okazintaĵoj. En «La Trompisto» estas pritraktata speciala flanko de l'intensa vivo de l'intelekta urbo, kie la edukado speciale emas disvolvi la rezonadon kaj juĝadon ĉe infanoj.

«En Svislando» estas bona akiraĵo por nia literaturo. Ĝi meritas honoran lokon sur la legotablo de ĉiuj esperantistoj.

2. LUIGI GIAMBENE. *Tra la Esperanta literaturo, 50 elĉerpaĵoj el malsamaj verkaĵoj esperantaj* (12×18) 112 paĝoj. Prezo : 1.15 fr.

Tiu ĉi antologio enhavas eltiraĵojn el la ĉefaj jam en Esperanto aperintaj verkoj. Oni trovas en ĝi poeziaĵojn, fabelojn, anekdotojn, unu komercan leteron, predikon, interparoladojn, filozofiajn paĝojn, aritmetikaĵojn, spritaĵojn, kc.

La verko estas bonega lernolibro : ĝi alkutimigos la lernantojn al la plej diversaj temoj esperante pritraktitaj. Ĝi estas plie ŝatinda propagandilo, montranta ke Esperanto taŭgas ne nur por la literaturo, sed ankaŭ por la sciencoj.

**V. Librairie Hachette & C^ie^**, 79, Boulevard Saint-Germain, Paris.

1. D^ro^ L. L. ZAMENHOF. *La Sentencoj de Salomono*, libro el la Biblio. (15 × 22) 60 paĝoj. Prezo : fr. 1.50

Nia kara majstro publikigis la pasintan jaron biblian libron : la Psalmaron. En sia antaŭparolo li deklaras ke li entreprenis ne traduki la « Psalmaron » kiel verkon religian, sed kiel gravegan verkon de la homara literaturo. Tiun tradukon li faris kiel eble plej zorge, havante antaŭ siaj okuloj krom la hebrea teksto, ankaŭ kelkajn naciajn tradukojn.

Oni rajte povas supozi ke la traduko de la « Sentencoj » estas farita en la samaj cirkonstancoj.

Kvankam la Biblio estas « malklara en multaj lokoj », mi tamen tre bone komprenis la parton de la « Sentencoj » kiun mi jam tralegis, kaj komparante la esperantan eldonon kun la franca traduko farita de Le Maistre de Sacy, mi konstatis la perfektan konformiĝon de ambaŭ tekstoj.

2. MICHEL BECKER et E. GROSJEAN-MAUPIN. *Cours élémentaire pratique d'Esperanto d'après la méthode directe combinée* (12 × 18) 166 pages. Prix 1 franc.

Le présent « Cours élémentaire » a été conçu et rédigé dans l'esprit de l'instruction ministérielle (en France) du 31 mai 1902, relatif à l'enseignement des langues vivantes par la méthode directe.

L'exposé de cet excellent livre se trouve dans les lignes suivantes, que j'emprunte à la préface :

> Ce cours s'adresse non seulement aux élèves des écoles en général et des cours publics, mais aussi à tous ceux qui veulent et doivent étudier sans maître.
>
> Il se compose de quarante leçons comprenant chacune :
>
> 1° un texte facile suivi d'un questionnaire ;
>
> 2° une leçon pratique de grammaire et de lexicologie ;
>
> 3° des exercices oraux ou écrits sur la formation des mots, des versions et des thèmes d'application et d'imitation ;
>
> 4° de nombreuses séries de phrases nouvelles ;
>
> 5° un double vocabulaire.
>
> Les textes traitent de sujets pratiques et usuels : l'école et le travail, la maison et la famille, l'homme et ses besoins corporels, le temps, la température et les saisons, la ville, la campagne, les trois règnes de la nature.

Je ne doute nullement que l'ouvrage de M M. Becker et Grosjean-Maupin ne soit bientôt répandu dans tous les pays de langue française et je lui souhaite de grand cœur tout le succès qu'il mérite.

---

La verkoj, pritraktitaj en la supra rubriko, estas akireblaj ĉe

O. FORST, Meir 69, Antwerpen (Anvers).

NEDERLANDSCHE BOEKHANDEL, 50, S. Jacobsmarkt, id. SPINEUX et C^ie^, 3, rue du Bois Sauvage, Bruxelles, kaj en ĉiuj aliaj gravaj librovendejoj. AMATUS.

---

« **La Spritulo** ». La titolan paĝon de la 5ª eldono ornamas beleta bildo : « sonĝo de knabo post la unua Esperanta leciono » ; literoj ĉ, ĝ, ĥ... saltetas super la malkvieta dormanto turmentante lin, dum sur librujo leksikonoj kaj gramatikoj por naciaj lingvoj koleras kaj minacas la malfeliĉan ; ĉion lumigas de supre la kvinradia stelo ridetante. — Tre amuza estas legendo kun 13 bildetoj verkita kaj ilustrita de lerta bohema kunlaboranto : «Pri homo, kiu koleris pro la grandega sukceso de Esperanto kaj ĝia « Spritulo ».




Instrua kaj pensiga estas la alegoria bildo de l' sekretario de la *Plevna* grupo koncerne « la batalan kampon de lingvoj internaciaj » ; ĉarma la ilustrita noveleto « poŝtisto kaj poŝtkarto » ; interesaj la *Bismark*'aj anekdotoj. — — « La spritulo » estas sendube potenca kaj « grava propagandilo », kiun ni kore rekomendas al niaj legantoj. Postulu provnumeron (2 sd) aŭ mendu tuj jarabonon (sm. 1,20) de l'administrejo de « La Spritulo » : Leipzig (Germanujo), Körnerstrato, 31. Vi certe ne pentos tion.

Akirebla en Belgujo :
*Librairie Spineux*, Bruselo :
ĉe *Mertens*, (Bout-de-Cigare), Avenue de Keyser, Anvers.

---

# LITERATURA PARTO

## *MAJSTRO HUYGHE*

DE

ROSALIE LOVELING

ROSALIE LOVELING naskiĝis en la vilaĝo Nevele (Orienta Flandro), je la 19ª de Marto 1834.

La aro da poeziaĵoj kaj prozaĵoj per kiuj ŝi riĉigis la flandran literaturon estas, kvankam ne ampleksa, tamen tiel grandvalora, ke Rosalie Loveling brilas sur la unua vico de la flandraj literaturistoj.

De multaj jaroj ŝi verkis por diversaj flandraj kaj holandaj jarlibroj kaj revuoj tre rimarkindajn poeziajojn. Ili estas kolektitaj kune kun tiuj de ŝia talentplena fratino Virginie, kaj eldonitaj dum 1870. Poste, ambaŭ fratinoj verkis prozajojn, eldonitajn sub la titolo *Novellen* (1874) kaj *Nieuwe Novellen* (1876).

La verkoj de Rosalie Loveling estas karakterizitaj de amindeco kaj virina delikateco. Ili estas plejmulte ĉerpitaj el la kamparana vivado kaj atestas pri profunda kono de la homa koro.

Rosalie Loveling mortis la 4an de Majo 1875, en la plena florado de sia vivo. Ŝia malapero estis por la flandra literaturo granda perdo, unu el la plej grandaj, kiuj povis ĝin trafi. Ŝi estas forprenita de ni en la momento kiam ni povis atendi la plej belajn fruktojn de ŝia granda talento, prosperinta ĝis plena matureco.

I

Majstro Huyghe estis maljuna viro, altkreska kaj malgrasa. Antaŭ deko da jaroj li ankoraŭ loĝis en tiu ĉi vilaĝo kun sia edzino, en dometo malalta kaj alridetanta, iom malproksima de la aliaj, kun blanke kalkumita muro kaj vinberujo sur la tegmento. Oni daŭriĝe lin nomis *Majstro*, ĉar antaŭe li estris lernejon. Nune ambaŭ estas for, li kaj lia edzino : aliaj personoj loĝas en lia dometo, kaj malgrandaj infanoj ludas antaŭ la pordo sur la sablo.

La Vilaĝestro ankoraŭ ofte rakontis al siaj infanoj ke tien li iris lernejon, kaj kiun ĝojon la lernantoj havis je l'tago de la «Puranimaj Infanoj» kaj je l'festo de Sankta Gregorio. Li mem iam akiris la unuan premion por verse skribita letero : li ankoraŭ ĝin konis memore :

> Majstro Huyghe, kiun ni honoras,
> Kiam vi batas, ni nin doloras ;
> Sed vi estas certe, sen kontraŭdiro,
> Lerta instruisto kaj bona viro.

Majstro Huyghe ne batis la infanojn, li tion nur skribis pro la rimo, li diris. La aliaj knaboj enviis lin pro tio, kaj diris ke lia patro estas lin helpinta.

Majstro Huyghe estis perdinta iom post iom siajn lernantojn ; unu post la alia estis irinta al la komunuma lernejo kaj tiamaniere fariĝis mémkompreneble, ke li ne plu estris lernejon. Beatrico, lia edzino, ne malkontentiĝis pro tio : Majstro Huyghe fariĝas tiel maljuna, ŝi diris, kaj estis tro embarase. Plie, la infanoj tro malpurigis la kahelaron kaj ili ja sukcesus vivi sen tio.

II.

Majstro Huyghe havis malantaŭ sia hejmo malgrandan kampon : tie kreskis liaj terpomoj ; li ankaŭ gluis kartonskatolojn por la vilaĝanoj kaj flikis iliajn pluvŝirmilojn ; en tio Beatrico helpis al li. Okaze li ankaŭ estus enmetinta vitrokahelon en fenestron aŭ ekzameninta horloĝon, en kiu io difektiĝis. Tiamaniere ili modeste vivetis.

Beatrico ĝojis pro la trankvileco en sia dometo, de kiam la infanoj tie ne plu konfuze lernis sian lecionon ; ĝi aspektis al ŝi vasta, nune, kiam la lignaj benkoj el ĝi estis formetitaj. Ŝi sidis sur sia malalta seĝeto kudrante antaŭ la fenestro, dum Majstro Huyghe laboris sur la kampo per sia fosilo, kaj de tempo al tempo ŝi supren rigardis tra siaj grandaj, rondaj okulvitroj. Ŝia ŝranketo, kaj la vitroj de la bildoj pendantaj ĉe la muroj, brilis en la sunlumo. Tiuj ĉi estis por Majstro Huyghe grandvaloraj ; estis la bataloj de Napoleono. Sur la ŝranketo staris bronzumita statueto de la granda armeestro, kun krucigitaj brakoj kaj altaj botoj.

Majstro Huyghe estis servinta Napoleonon, kiel oni tion nomas ; li tre fieris, precipe kiam li Dimanĉe eliris, pikinte sian bronzan medalon de S<sup>ta</sup> Heleno sur sian frakon : tio estis lia ordeno.

En la vilaĝo vivis ankoraŭ deko da aliaj Napoleonistoj; ili eĉ estis fondintaj societon kaj havis sian standardon kaj kunvenojn en trinkejo.

Majstro Huyghe sciis rakonti pri multe, ĉar li estis, kiel oni diras, vojaĝinta ĉirkaŭ la mondo : nune li ĉi tie ripozis. Dum la vesperoj de la varmaj somertagoj la junuloj el la vilaĝo, el kiuj multaj iam estis liaj lernantoj, alvenis por sidiĝi ĉe lia pordo ; — ili estis kvazaŭ liaj infanoj — unuj sur seĝon, aliaj sur la sojlon, eĉ kelkaj sur la trotuaron. Tiam Majstro Huyghe rakontis al tiuj junuloj, kiuj ne sciis paroli pri tio, pri la tempo de sia juneco, kaj kio tiam signifis fariĝi soldato. Kiam li estis difinita de la rekrutloto li ĝojis, ĉar lia patrino ne plu vivis : « estas kvazaŭ iri al la mortigejo, » li diris.

Li mem neniam estis vidinta la armeestron, sed li estis akirinta por li en la armeo komunikiĝeman admiron, kaj nun ŝatis rakonti pri la bataloj en kiuj li partoprenis, kaj kiel liaj kamaradoj estis rigidigitaj de la neĝo, kaj kiel ili antaŭeniris dormetante, subtenante unu la alian. Li rakontis pri la batalo kiun ili estis perdintaj, kvankam ili sin brave estis defendintaj. Ili eĉ estis batalintaj sur la strato, kaj viro kontraŭ viro.

La junuloj ŝatis tion aŭdi, ĉar Majstro Huyghe ĝin ĉiam fidele rakontis sammaniere, nenion aldonante. Kelkfoje okazis ke kelkaj aliaj Napoleonistoj ĉeestis, kaj ekrakontis, sed tiuj ĉi diris tiajn strangaĵojn, ke Majstro Huyghe ne povis sin deteni de ridi, kiam la junuloj demandis al li, ĉu tio estas vera.

En Breslaŭ'o Majstro Huyghe longtempe estis estinta milita malliberulo, kaj loĝinta ĉe maljuna vestfaristo. Li volonte ankoraŭ estus vidinta la bonan virinon, kiu flegis lin kiel patrino, ne pripensante ke sendube ŝi de longe mortis. Estis kvazaŭ li reviviĝis, ĉiufoje kiam li parolis pri tiu tempo.

Beatrico tamen ne povis aprobi lian admiron por la granda armeestro : « tiom da homoj mortintaj pro unu homo ! » ŝi

diris, kaj ŝi tremis, pripensante lian respondecon je l'tago de la lasta juĝado.

III.

Majstro Huyghe estis koninta Beatricon antaŭ ol iri al la milito kaj li estis petinta ŝin atenti ĝis kiam li revenos. Ŝajnis al ŝi neeble ke li tie restus kvankam ĉiuj restis, sed estas kelkfoje kvazaŭ la malfeliĉo ne iris tien, kie oni ne atendas ĝin. Beatrico ne estis ĝin atendinta, kaj ĝi ne estis alveninta. Ŝi ĉiam firme estis esperinta ke li revenos, kaj li revenis. Estas speciala dolĉeco revidi post multaj jaroj iun pri kiu oni pensis; alian homon sed tamen la saman; oni plezuriĝas observi kiel fidele ili ankoraŭ similiĝas.

Majstro Huyghe estis estinta korporalo en la armeo ; li estis bone instruita kaj tio estis feliĉo, tiamaniere li povis starigi sian lernejon. Je tiu tempo ne valoris la penon lernigi al la infanoj metion, ili ja ĉiuj estas por la kanono, diris la gepatroj kaj eĉ se ili estus konintaj unu antaŭ sia foriro ili ne plu estus estintaj lertaj pri ĝi je sia reveno. Estas eble pro tio ke la malmultaj restantaj soldatoj de la unua imperio fariĝis malriĉuloj.

Majstro Huyghe cetere ne riĉiĝis : tiu, kiu kutime faras tiom da metioj havas nenian bonan, estis do plej ofte la kompato, kiu igis la vilaĝanoj sin turni al li, « Se mi estus en via stato, » iam la Vilaĝestro estis dirinta al li, « mi irus en la malriĉulejon ; pro via bela meblaro vi estos facile akceptata : tie vi povus fini senzorge vian vivon. »

Tio estis supermezure ĉagreninta Majstron Huyghe, kaj kiam li ĝin rakontis al Beatrico, ŝi ekploris kaj diris : Kion tio povas fari al li ĉu ni suferas mizeron aŭ ne, ĉu ni ĉiam ne pagis lin ? » ĉar ili loĝis en lia dometo.

— «Jes, kaj ni nenion ŝuldas al in ajn,» diris Majstro Huyghe fiere, « kaj Dio provizos pri tio. Beatrico, tiom longe kiom mi vivas, vi ne iros en la malriĉulejon. » « Ho, ne, tiel mizeraj ni ne jam estas, » diris Beatrico.

Malriĉulejo estas bona institucio, kaj en preskaŭ ĉiuj, la malriĉaj maljunuloj estas bone flegitaj kaj zorgitaj, sed iun, kiu, kiel Majstro Huyghe, estas alkutimiĝinta al propra hejmo kaj pli bonaj tagoj, tiu pripenso terurigas.

Kun la afabla permeso de F VIRGINIE LOVELING,
esperantigis
(Daŭrigota) AMATUS.

———◦———

*Danujo.* — **Dana Esperantisto** (Dane). — 2 fr. 75. — *Gyldentævesgade*, 16, *Kopenhago K.*

*Estlando.* — **Estlanda Esperantisto** (Este), — 2 fr. 75, — J. A. Ruhamägi, *Weike Kalamaga uul.* 7, *k. v. Revel* (Rusujo).

*Filipinaj Insuloj.* — **Filipina Esperantisto** (Angle, Hispane, Tagaloge) — 5 ft. — *P. O. Box*, 326, *Manila.*

*Finnlando.* — **Finna Esperantisto.** — 3 fr. — Ilarejo Esperantista, *Helsingfors.*

*Francujo.* — **Franca Esperantisto** (Esp., kaj france). — (3 fr.) 4 fr. — F. de Menil, 46, *Boulevard Magenta, Paris.*

*Francujo.* — **Le Monde Espérantiste** (France). — (1 fr. 25) 2 fr. — 3, *rue Sophie Germain, Paris.*

*Francujo.* — **L'Informilo** (France). jarkvarona. — 8, *rue de Rome, Calais.*

*Francujo.* — **Paris-Esperanto** (France). — 1 fr. 50 — V. Chaussegros, 3, *place Jussieu, Paris* (V^e^)

*Francujo.* — **Lorena Esperantisto** (France). — Esperantista Grupo en *Nancy.*

*Francujo.* — **La Normanda Stelo** (France) — (1 fr.) 2 fr. 50 — Liébard kaj Leroux, 41, *rue de la Vicomté*, Rouen.

*Francujo.* — **Sarta Stelo** (France). — 1 fr. — Lepeltier, 14, *rue Scarron, Le Mans.*

*Francujo.* — **Norda Gazeto** (Esp. kaj france) 1 fr. — E. Deligny. *boulevard Vauban, Saint Omer.*

*Germanujo.* — **Germana Esperantisto** (Germane) — (3.05 Mk) 5 fr. — Möller kaj Borel, *Lindenstr.* 18/19, *Berlin S, W.*

*Germanujo.* — **Germana Esperanto-Ĵurnalo** (Germane) dusemajna. 5 fr. — H. Wuttke, *Pionierstrasse, Magdeburg.*

*Germanujo.* — **La Saksa Esperantista** (Germane). — 1 fr. 25. Fritz Stephan, *Leipzig.*

*Germanujo.* — **La Esperantisto** (Esp. kaj Germane) — 3 fr. 50 — 27, *Talstrasse. Leipzig.*

*Hispanujo.* (Vidu ankaŭ : *Katalunlando*). — **Suno Hispana** (Hispana) — 3 fr. — Rafael Duyos, *Cirilo Amoros* 28, *Valencia.*

*Holando.* — **La Holanda Pioniro** (Holande) — (3 fr. 15) 3 fr. 75. — *Singel*, 386, *Amsterdam.*

*Hungarujo.* — **Scliganto.** Senpaga por la membroj de la Hungara Esperantista Societo — Johano Medgyesi, *Alpar u.* 8. *Budapest* VII.

*Italujo.* — **Notizie Esperantisto** (Itale). — Giovanni Castiglia, 6 *Via S. Agostino Palermo.*

*Katalunlando.* — **Stelo Kataluna.** (Hispane. Katalune) — 3 fr. — 30 *Rambla San Isidro Igualada (Barcelona).*

*Katalunlando.* — **Tutmonda Espero** (Katalune) — 3 fr. — Mikaelo Cases, *Paradis* 12, 1., *Barcelona.*

*Japanujo.* — **La Japana Esperantisto** (Angle Japane). — 4 fr. — 3 *Come Jurakco Kojimacik, Tokio.*

*Meksiklando.* — **Esperanta Gazeto** (Hispane) Jare 1 fr. 90 — *Ap.* 114, *Guadalajara.*

*Meksiklando.* — **Meksika Revuo** (Hispane) — 2 fr. 50 — *Cocheras*, n. 2, *Mexico.*

*Meksiklando.* — **La Verda Stelo** (Hispane). — 5 fr. — Dr A. Vargas. 3^e^ *del Relox, n°* 12, *Mexico.*

*Peruo.* — **Antaŭen Esperantistoj !** (Hispane). — 3 fr. — Ant. Alvarado, 106, *calle Lartiga, Lima.*

*Polujo.* — **Pola Esperantisto** (Pole). — 5 fr. — *Hoza* n° 40 m. 8 *Varsovio.*

*Rumanujo.* — **Rumana Gazeto Esperantista** (Rumane-Esperante). — 3 fr., 16, *str. Coltei, Bucarest.*

*Rumanujo.* — **Rumana Esperantisto.** (Rumane) (4 fr.). 5 fr. — 5, *strada* I. C. *Bratianu Bucarest.*

*Rumanujo.* — **Rumena Gazeto Esperantista** (Rumane). — 3 fr. — 1, *strada Speranta, Galatz.*

*Rusujo.* — **Ruslanda Esperantisto** (Ruse, Esp.) — 3 fr. 20. — S^to^ Espero, *Nicolaevskaja*, 33, *loĝ* 24, *St Peterburgo.*

*Svisujo.* — **Svisa Espero.** — (2 fr. 50). — 3 fr. — 8, *rue Bovy-Lysberg, Genève.*

*Usono.* — **Amerika Esperantista** (Angle). — 5 fr. 20. — *American Esperantist Company*, 186, *Fortieth street, Chicago.*

*Usono.* — **The Esperanto News** (Angle), monatduona. — 5 fr. 20. — 10 *Walstreet, Room*, 510, *New-York.*

*Usono.* — **The Esperanto Student** (La Studento de Esperanto) (Esp. kaj Angle.) — 2 fr. 50 — John H. Brown, 23, *Meadow road, Rutherford* (Usono, Jersey).

# REKOMENDATAJ LIBROJ

*Eldonejo de* A. J. WITTERYCK-DELPLACE. *4, Nieuwe Wandeling (Nouvelle Promenade)*, BRUGGE (*Bruges*).

A. J. WITTERYCK. — *Het Esperanto in tien lessen*, naar het werkje van Cart en Pagnier. Fr. 0.60

M. SEBRUYNS-VROMANT. — *Spraakleer en oefeningen der internationale taal Esperanto*, bewerkt naar L. de Beaufront. 1.—

A. J. WITTERYCK. — *Kelkaj floroj esperantaj*. 5 libretoj de 24 paĝoj, ĉiu 0.25

S^INO VAN MELCKEBEKE-VAN HOVE.— *Blinda Rozo*, de Hendrik Conscience, kun 4 bildoj. 1.—

D^RO M. SEYNAEVE kaj D^RO R. VAN MELCKEBEKE. — Paĝoj el la flandra literaturo. 1.60

—o—

*Eldonejo de* J. VAN HILLE-DE BACKER, *35, Zirkstraat*, ANTWERPEN (*Anvers*).

FR. SWAGERS kaj AD. FINET. — *La Ĉiutaga Vivo*, verkita laŭ la Gouin' a metodo, kun klarigoj en flandra kaj franca lingvo. Fr. 1.—

—o—

*Eldonejo* HACHETTE et C^ie, *79, Boulevard St-Germain*, PARIS.

MICHEL BECKER et E. GROSJEAN-MAUPIN. — Cours élémentaire pratique d'Esperanto, d'après la méthode directe combinée. Fr. 1.—

CAMILLE AYMONNIER et E. GROSJEAN-MAUPIN. — Cours méthodique d'Esperanto. Thèmes. 1.20

LES MÊMES. — Cours méthodique d'Esperanto. Versions. 1.20

—o—

PRESA ESPERANTISTA SOCIETO, *33, rue Lacépède, Paris.*

Dictionnaire français-esperanto et esperanto-français, avec préface de Th. Cart, relié. Fr. 4.50

—o—

LIBRAIRIE DE L'ESPERANTO (*G. Warnier et C*). *15, rue Montmartre, Paris.*

GABRIEL CHAVET et GEORGES WARNIER. — Esperanto-Manuel. Fr. 1.—

LUIGI GIAMBENE. - Tra la Esperanta literaturo. 1.15

—o—

*Esperanto-Verlag* MÖLLER UND BOREL, *Lindenstr. 18/19, Berlin S. W.*

D^ro KABE. — Unua Legolibro. Fr. 1.50

—o—

H. HONIG, uitgever te Utrecht, — Woordenboek Esperanto-Hollandsch Gl. 1.25




## GERMANA ESPERANTISTO

Oficiala organo de la Germana Esperantista Societo

kun

*LITERATURA ALDONO " LIBERAJ HOROJ "*

aperas ĉiumonate en lingvoj Esperanta kaj Germana.

La gazeto pritraktas ĉion, kio koncernas la internacian helpan lingvon kaj estas ligilo inter la membroj de la Esperantistaj grupoj.

*Jara abonprezo Sm 1,50 (M. 3.—)*

*Prova abono por 6 monatoj Sm. 0,75 (M. 1.50)*

REDAKCIO KAJ ELDONEJO: BERLIN SW., LINDENSTR. 18/19.

---

## LIBRAIRIE

DE

## L'Esperanto

**15, RUE MONTMARTRE,**

PARIS.

Tiu ĉi librejo vendas ĉiujn librojn pri kaj en Esperanto.

Oni mendu la katalogojn kiuj estos sendataj senpage.

---

## PRESA ESPERANTISTA SOCIETO

33, rue Lacépède, PARIS.

respondas ĉiujn demandojn, liveras ĉiujn esperantaĵojn, akceptas ĉiujn abonojn, vendas ĉiujn eldonaĵojn.

## Lingvo Internacia

Monata revuo — Revue mensuelle en Esperanto.

MALNOVAJ JARKOLEKTOJ DE

**LINGVO INTERNACIA**

**Juna Esperantisto.** Monata gazeto por junuloj, instruistoj kaj Esperantaj lernantoj. Abono : fr. **2.50** = **1** Sm.

Jarkolektoj 1906, 1907 kaj 1908 broŝuritaj, po **3** fr. — « Juna Esperantisto » malfermas konkursojn (1.20 Sm) por ĉiuj lernantoj.

Jarkolekto 1905, broŝurita 7 fr. Literatura aldono 1905, 3 fr. 50. — Jarkolekto 1906 broŝurita, 6 fr. Literatura aldono 1906, 3 fr. — Jarkolekto 1907, broŝurita 6 fr. Literatura aldono 1907, 2 fr. 50.

---

## LA REVUO

la SOLA GAZETO, kiu estas honorata per la konstanta kunlaborado de

**Dro L. L. ZAMENHOF**

Aŭtoro de la lingvo Esperanto.

ONI ABONAS : Librejo HACHETTE & Cie, 79, Boulevard St Germain, Paris. — Unu numero, fr. 0.50 Jare, Francujo : fr. 6. Aliaj landoj : fr. 7.